# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

Redaktas: Paulo Sergio Viana, septembro 2007

psviana@terra.com.br


## FORPASIS ELVIRA FONTES, GRANDA DAMO DE LA BRAZILA MOVADO

La 25-an de aŭgusto forpasis grava, neanstataŭigebla brazila esperantistino. Ŝia longa vivo estis modelo de sindediĉo al nia movado. Elvira Fontes ne estis nur instruisto dum jardekoj, ne nur verkis metodon por Esperantoinstuado, ne nur partoprenis kaj kontribuis aktive por nia afero, precipe en la ŝtato San-Paŭlo. Super ĉio tio, ŝi estis ekstreme bonkora, humana, simpatia kaj mildasenta homo. Estis simple neeble ne ami ŝin. Ŝi reprezentis por ni ĉiuj ian perfektan ekzemplon de homo, kiu efektive praktikas ne nur la lingvon, sed ties internan ideon. Kiuj emas omaĝi ŝin, tiu sekvu ŝian ekzemplon.

## "BAHIA INFORMILO" ALVENIS

Atingis nin la aprila-maja-junia numero de la simpatia bulteno de Bahia Esperanto-Asocio. Ĝi Esperante kaj portugallingve informas pri Estrara kunsido ĉe la nova sidejo, pri eldono de nova libro ("As Línguas Nacionais e a Verdadeira Língua Universal", de José C. Marques), pri Kosmologio kaj pri turismo (Pekino). La BEA-anoj invitas al vizito al la nova sidejo. Kontaktoj per abeinformilo@yahoo.com.br.

## 2-A KONGRESO EN ŜTATO SAN-PAŬLO

De la 12-a ĝis la 14-a de oktobro, la grava regiona evento okazos en la simpatia urbo Ribeirão Preto, kun riĉa programo. Detalaj informoj en la retpaĝaro de EASP.

2º CONGRESSO PAULISTA DE
ESPERANTO
RIBEIRÃO PRETO - SP
12, 13 e 14 de Outubro de 2007
JUBILEO DE easp
Comemoração dos 70 anos da Associação Paulista de Esperanto

## 69-A RENKONTO EN LA PARAÍBA-VALO

La jam tradicia renkonto en la regiono ĉi-foje okazos je la 30-a de septembro en la turisma urbo Caraguatatuba/SP. La Prezidanto de Brazila Esperanto-Ligo, José Passini, intencas ĉeesti. Organizas la eventon D-ro Maurício Monken, BEL-estrarano kaj surloka aktivulo: mmonken@uol.com.br.

## 9-A GAŬĈA RENKONTIĜO DE ESPERANTO

La 6-an kaj 7-an de oktobro 2007 okazos en Porto Alegre la 9-a GRE, kun la temo "Esperantismo en la Praktiko": prelegoj, atelieroj, ludoj, artaj prezentoj kaj debatoj estas programitaj. Informas la Prezidanto de Gaŭĉa Esperanto-Asocio, Marcelo Stoduto (mstoduto@terra.com.br)

### FALECEU ELVIRA FONTES, GRANDE DAMA DO MOVIMENTO ESPERANTISTA BRASILEIRO

Há décadas ela atuava na área de ensino do Esperanto, com dedicação, simpatia e generosidade, principalmente no âmbito da Associação Paulista de Esperanto. Encarnação perfeita da "idéia interna" do Esperanto. Exemplo a seguir!

### "BAHIA INFORMILO"

Recebemos o boletim da Associação Bahiana de Esperanto, com notícias sobre a nova sede e palestra de José C. Marques, quando da inauguração. Informações:
abeinformilo@yahoo.com.br.

### 2º CONGRESSO NO ESTADO DE SÃO PAULO

Ocorrerá de 12 a 14 de outubro, em Ribeirão Preto. Informações no sítio da EASP www.easp.org.br/kongreso

### 69º ENCONTRO DO VALE DO PARAÍBA

Será na cidade de Caraguatatuba / SP, em 30 de setembro, com a presença de José Passini, Presidente da BEL. Informações: mmonken@uol.com.br.

### 9º ENCONTRO GAÚCHO

Acontecerá em 6 e 7 de outubro, em Porto Alegre. Tema: "O Esperantismo na prática". Informações com Marcelo Stoduto:
mstoduto@terra.com.br.

BEL KONSISTAS EL LA MEMBROJ. NI AKTIVU!

*SENDU VIAJN INFORMOJN EL LOKAJ KLUBOJ KAJ ASOCIOJ, POR KE NI ILIN TRANSMETU EN "BEL INFORMAS".
*BRAZILA ESPERANTO-LIGO KONSISTAS EL NI MEM, LA ESPERANTISTARO! PARTOPRENU!

# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

Redaktas: Paulo Sergio Viana, septembro 2007

psviana@terra.com.br


## ESPERANTO ĈE LA 26-A LIBROFOIRO EN BRASÍLIA

Per propra budo, Esperanto montriĝis ĉe la grava, tradicia kulturevento, de la 31-a aŭg. ĝis la 9-a sept. ĉe "Shopping Pátio Brasil", Av. W3-Sul. Informis la respondeculo pri la Centra Oficejo de Brazila Esperanto-Ligo, Carlos Maria.

## MOVADANOJ AKTIVAS! PLURAJ RENKONTOJ KAJ KURSOJ EN NIA LANDO

Kun entuziasmo oni konstatas la aktivemon de brazilaj Esperantistoj, se konsideri la kvanton da kursoj kaj renkontoj anoncitaj. Notu kaj partoprenu:

* 1-a ZOMAER: Zona da Mata Esperanto-Renkontiĝo, je la 16-a de setembro 2007, en la urbo JUIZ DE FORA / MG (Rua Braz Bernardino, 73 – Centro). Temo: "Esperanto kaj homa progreso".

* 10-a Renkonto de Esperanto de Taguatinga / Brasília / DF: je la 16-a de septembro, ĉe "Auditório dos Pioneiros", Praça do Relógio. Temo: "Esperanto en la Federacia Distrikto". Kontaktu: tek.esperanto@ig.com.br. Informis BEL-estrarano Carlos Maria.

* 3-a Esperantista Renkontiĝo de "Baixada Fluminense": en la urbo Nova Iguaçu / RJ, kun partopreno de preskaŭ cent geesperantistoj. Organizis la eventon Daniel Peliz, loka aktivulo. Prelegis Aloísio Sartorato, BEL-estrarano.

* Fernando Maia Jr (fmaiajr@gmail.com) informas pri eventoj en Ŝtato Sergipe, okazintaj en la lastaj monatoj:

- Biblioteko Klodomir Silva memorigis centjariĝon de Esperanto en Sergipe.

- Aperis artikoleto ĉe universitata blogo de Sergipe pri instruo de Esperanto.

- FUNCAJU komencis kurson de Esperanto kun rekordo de enmatrikuliĝoj.

* En Japeri / RJ, la 27-an de oktobro, okazos prelego pri Esperanto kaj komenco de baza kurso. Adreso: Av. Francisco A. Russo, 38, Engº Pedreira. Iniciato de Niterói Esperanto-Klubo.

* Esperanto-Klubo de Guaratinguetá / SP komencis bazan, senpagan kurson de Esperanto je la 4-a de septembro. Informoj ĉe Walter (brandes2@itelefonica.com.br).

## NEIDE BARROS REGO ENPOSTENIĜAS

La fama, premiita poetino fariĝis membro de "Beletra Akademio de Niterói" / RJ, en la monato aŭgusto. Ĉeestis 150 homoj, interalie deko da esperantistoj. Gratulon!

### ESPERANTO NA FEIRA DO LIVRO DE BRASÍLIA

De 31/08 a 9/09, um estande de Esperanto esteve naquele importante evento cultural.

### VÁRIOS ENCONTROS E CURSOS DE ESPERANTO EM NOSSO PAÍS

* Encontro de Esperanto da Zona da Mata, em Juiz de Fora / MG, em 16/09. Tema: "O Esperanto e a evolução humana".
* 10º Encontro de Esperanto de Taguatinga / Brasília / DF, em 16/09.

* 3º Encontro Esperantista da Baixada Fluminense, em Nova Iguaçu / RJ. Quase uma centena de participantes.

* Fernando Maia Jr., de Aracaju / SE, informa eventos recentes: comemoração do centenário do Esperanto em Sergipe, artigo no blog de Sergipe sobre o ensino de Esperanto e início de curso básico de Esperanto na FUNCAJU.

* Em Japeri / RJ, palestra e início de curso básico de Esperanto, iniciativa do Niterói Esperanto-Klubo.

### NEIDE BARROS REGO TOMA POSSE

A premiada poeta agora é membro da Academia Niteroiense de Letras. Parabéns!

**A LIGA SOMOS NÓS! PARTICIPE!**

***SENDU VIAJN INFORMOJN EL LOKAJ KLUBOJ KAJ ASOCIOJ, POR KE NI ILIN TRANSMETU EN "BEL INFORMAS".**
***BRAZILA ESPERANTO-LIGO KONSISTAS EL NI MEM, LA ESPERANTISTARO! PARTOPRENU!**